12 JULIO 1907. Unu Numero : 10 CENTIMOJ (4 Spesdekoj) TRIA JARO. — N° 11

# ★ ESPERANTO ★

DUONMONATA INTERNACIA GAZETO

**ABONO**
Unu Jaro . . . . Sm. **1.20** | Helpabono . . . . Sm. **4.—**
Spesmilo (Sm.) = 100 Spesdekoj (Sd.) = 2,50 frankoj = 2 ŝilingoj = 2 markoj = ½ dolaro = 1 rublo = 2,40 kronoj aŭstr = 1,80 kronoj Skand (proksimume).
Oni abonas ĉe la Administracio
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

DIREKTORO :
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)
Bulgara Eldono : N. B. Kovaĉef, Sofio



## Jubileo de Esperanto

Antaŭ dudek jaroj, aperis malgranda, modesta broŝureto, subskribita de nekonata pseŭdonimo : Doktoro Esperanto. Tiu broŝureto enhavis klarigan enkondukon, deksesregulan gramatikon, unupaĝan radikaron kaj du versaĵojn. Jen la plena fundamento de la tuta lingvo Esperanto, jen la humila ĝermo, el kiu poste floradis la nuna potenca arbo de Esperantismo. Kiu fama kritikisto rekomendis tiun libreton kaj laŭtigis la voĉon por aliformigi la konvinkon de siaj samtempanoj ? Kiu eminenta scienca aŭtoritato ekdisputis la demandon kaj bonvolis lumigi la novan elpenson per radietoj de sia fameco ? Kiu kapitalisto, kompreninte la praktikecon de la nova ilo, elspezis kelke da mono por ebligi ĝian disvastiĝadon ? Kiu progresema regnestraro intencis sin ekokupi per la afero ? La libreton atentis neniu el la famaj kritikistoj ; la malmultaj kritikistetoj, kiuj, pro nesufiĉeco de alia interesa materialo, bonvolis iel ĝin atenti, profetis nepre okazontan fiaskon. La scienculoj penadis en sia laborejo kaj, demandite pri la afero, pretekstis nesciadon kaj konservis singardan neŭtralecon. La kapitalistoj ja elspezis sian monon, sed dediĉis ĝin al malpli ridindaj entreprenoj. Fine, ne estas bezone paroli pri la progresemaj regnestraroj, kies progresemeco iel similas la iradon de limako sur herboplena vojo. La libreton laŭokaze legadis nur areto de scivoluloj, altiritaj per la noveco kaj ŝajna strangeco de la afero, malriĉuloj, humiluloj, nekonatoj inter la nekonatoj. Kiu, en la unuaj jaroj, estis Esperantisto, tiun baldaŭ trafis la ridigistoj kaj la publikaj mokistoj ; kaj kio estis tiam la propagando, tion povas rakonti nur la homoj, kiuj, liberigite de antaŭjuĝoj kaj provizite per senlima, kvazaŭ religia, entuziasmo, sin tiam dediĉis al la afero. Ho ! la unuaj pioniroj ! Eble, la nomoj de la plej fervoraj, de la plej sinceraj kaj memoferemaj, restos eterne forgesitaj ; kelkajn jam prenis la tombo ; aliajn devige forpelis el la batalo la akraj bezonoj de l'vivo ; aliajn senkuraĝigis la tiama senfrukteco de ĉia penado, sed ĝuste en la momento, kiam nia afero estas en esperplena vivado, forgesi nian ŝuldon al tiuj unuaj sentimaj probatalintoj ni neniel devas, ĉar sen ilia penado kaj malgraŭ la poste veninta kunhelpo de la eminentuloj, kio nun estus Esperanto ?

⁂

Se ni rigardas al la stato de Esperanto antaŭ deko da jaroj, ni povas esti ja fieraj pri la jam akiritaj rezultatoj. Nur en la Nordaj landoj kaj en Francujo, nia ideo penetris, sed malgranda estas ankoraŭ nia movado. Unu sola, tre ŝanceliĝema jurnalo, batalas por nia afero ; kelkaj centoj da abonintoj prezentas la tutan Esperantistaron. Oni tiam povis facile kalkuli la favorajn artikolojn, kiuj, iafoje, okaze aperis en la naciaj gazetaroj, kaj la varbado de ia nova Esperantisto, la malfermo de malgrandega kurso, estis signifaj kaj notindaj okazoj. Sed iris la ideo, disen kaj foren ; la senĉese obstina penado de la Esperantista anareto atakadis iom-post-iom la ŝtonan anaregon de la skeptikularo, kaj la fluo iafoje eniĝis la graniton kaj forrabis varbiton el la kampo de l'indiferentularo. La nevenkebla potenco de l'ideo silente kaj trafe disbatis la amason de antaŭjuĝoj kaj pseŭdosciencaj teorioj, per kiuj oni tiam provis rebatadi la fakton.

Francujo, unua, levas alten la standardon. Grupoj naskiĝas, kursoj fariĝas, paroladoj sukcesas veki intereson ; kelkaj profesoroj venas al ni, kaj, jen, la armeo plidikiĝas, organiziĝas, pretiĝas taŭgaj bataliloj. Jam de 1900, la afero Esperantista staras sur la bona vojo al la sukceso, sed kiom da ŝanĝoj efektiviĝis jam de tiu tempo. En aliajn landojn Esperanto ekpenetras. Venas Belgujo, Svisujo, Hispanujo, Bohemujo ; naskiĝas novaj gazetoj ; nia literaturo pliriĉiĝas ; en 1902, Esperanto transiras la maron kaj, danke al kelkaj pioniroj, almilitas Anglujon kaj tiel neniiĝas unu el la lastaj argumentoj de niaj kontraŭuloj ; same okazas en Germanujo, kie ekstariĝas Esperanto, meze de sennombraj malhelpoj. De tiam, la progresado plirapidas. Bulonjo, Genevo, ĉiam pli multaj naciaj kaj regionaj kongresetoj, certigas la praktikecon de Esperanto. Flanke de la modesta broŝureto de 1887, ni povas nun elmontri nian jam riĉan kaj ĉiam kreskantan literaturon, niajn tridek gazetojn, la sennombrajn korespondaĵojn, kiujn ĉiutage interŝanĝas miloj da Esperantistoj, kaj, al la antaŭaj kritikistoj kaj jurnalaj babilistoj, kiuj, per solene sonantaj rezonoj, eldiris, ke lingvo kreita de sola homo neniam povos vivadi kaj de neniu povos esti uzata, ni povas prezenti la nunan amason de faktoj, kiuj pruvas la senfundamentecon de iliaj tezoj kaj la plenan viveblecon kaj prosperecon de nia entrepreno.

⁂

Rigardo al la estinto necesigas rigardon al la estonto. Post dudek jaroj de laborado, Esperantismo staras sur la certa vojo. Sendube, estus granda eraro, se ni kredus, ke ni jam tenas la venkon. Ne rigardi la nunajn evidentajn mankojn estas tiel malutile kiel rigardi ilin ekskluzive. Sendube, la tuta mondo ankoraŭ ne estas nia ; en kelkaj landoj, Esperanto nur timeme ekpaŝas kaj multajn malhelpojn ĝi renkontos ĝis la plena almilito ; sendube en nia Esperantistaro, troviĝas multaj, tro multaj personoj, kiuj estas apenaŭ Esperantistoj kaj ne ankoraŭ komprenis, kion ili povas efektivigi jam en la nuna tempo per sia simpla agado ; sendube, pro la diseco kaj diversdeveneco de niaj samideanoj, la batalo estas ofte pli malfacila kaj iniciatoj iafoje intermiksiĝas kaj neŝukcesas ; sendube, la antaŭjuĝoj, la rutino, la libera iniciatemeco de la popolamasoj estas ankoraŭ grandegaj kaj kontraŭ multaj muroj ni devos frapadi ĝis ekkrakos fine ĉiuj baroj, sed flanke de tiuj mallumaj punktoj, la pozitivaj ricevitaj rezultatoj estas sufiĉe belaj kaj brilaj, por ke ni kun brava maltimo kaj plena konfido rigardu la estonton, kiu estas nia.

La kaŭzojn de tiu sukceso — sufiĉe rapida, se oni konsideras la malfavorajn kondiĉojn, en kiuj vivadis nia afero — ni povas nur mallonge citi, sed ilin koni estas necese por la venontaj bataloj. La unua kaŭzo estas en la afero mem : Ni defendas solvon de lingvon, kiu staras sur tute certa kaj neŝancelebla fundamento. D-ro Zamenhof eltrovis principojn, sen kiuj, kion ajn oni diros aŭ faros, lingvo internacia ne povas ekzisti. Vane, analizistoj kaj detalistoj enperdiĝas en sencela kritikado de iaj partoj de l'tuto, ne rimarkante la geniecon de la fundamento ; vane, aliaj sin apogante sur ia speciala punkto teoria provos rekonstrui aŭ plibonigi. Tuj kiam oni deflankiĝas de tiu meza kaj ĝusta vojo, kiun nur genio povas — konscie aŭ nekonscie — eltrovi, la nova konstruo ŝanceliĝas, la ŝajna plibonigo malaperas, se oni konsideras ĝin en ĉiuj rilatoj. Sed ekster la kaŭzoj de sukceso, kiujn ni ĉiuj konas, ĉar ili estas en la afero mem, por kiu ni batalas, ekzistas aliaj, kiuj dependas de la batalantoj mem. Se ni povas konstati tiajn ĝojigajn rezultatojn, kiajn ni ĝis nun ricevis, tion ni ŝuldas al la laboro de la Esperantistoj mem. Tiu elementa vero, nome, ke la triumfo de Esperanto estos efektivigita nur de la Esperantistoj mem, estas bedaŭrinde ne ankoraŭ sufiĉe atentata de ĉiuj. Plene eraras tiuj homoj, kiuj kredas, ke la definitivan venkon ni tenos nur kiam ia komitato aŭ ia regnestraro ĝin decidos, ke, ĝis tiu tempo, nia laboro estas nur provizora aŭ havas per si mem nenian gravecon. Neniam ia nova ideo estis tiamaniere enkondukita kaj neniam la laboro de la unuaj pioniroj estis ne atentinda, ĉar ili gvidadis la unuajn, plej gravajn paŝojn, kaj montris nereveneblan vojon. Sankcio de internacia komitato aŭ de regnestraro venos nur pli malfrue, kiam nia afero estos praktike elprovita kaj per la uzado jam fariĝos posedaĵo de ĉiuj. Ni ne atendu de la regnestraroj aŭ de la patronado de eminentuloj venkon, kiun ili ne povas doni sed ni mem laboru kaj al la publiko trudu nian aferon, sen la bezono de ordonanta aŭtoritato, kiu neniam povos enkonduki lingvon, se la ĝin uzontaj homoj ne estas preparitaj per longa praktikado kaj la lingvo ellaborita en ĉiuj fakoj. Se aliparte la sukceso venis al ni, tion ni dankas al nia ĝisnuna plena unueco kaj al la severa submetiĝo al la principo de la netuŝebleco de nia lingvo. Tio estas nepra kondiĉo por interkonsenta unueco kaj sekve por fina triumfo. Ni ĉiuj scias, ke nenia homa verko estas perfekta, sed ĉefe en pure kondiĉa interkomunikilo, kiel internacia lingvo, ne la perfekteco estas grava, sed la unueco kaj la interkomprenebleco. Tial, ĝis nun, la Esperantistaro, komprenante la danĝeron, kiun prezentas la serĉado de ŝajna perfekteco, energie kontraŭbatalis ĉian tiaspecan provon kaj tion ĝi en la estonteco, ĉiam faros por la bono de nia ideo, kiu de tiaj fantazioj povus ricevi mortigan frapon. La praktiko montris, ke la nuna lingvo plene respondas sian celon. Ni riĉigadu ĝin per tradukado kaj verkado, ni uzadu ĝin ĉiam pli kaj pli en la plej diversaj fakoj ; jen grandega, senlima tasko, kiu postulas ĉies kunlaboradon kaj kunpensadon. Al tia vasta laboro, nenia peno, eĉ la plej humila, estas superflua ; ĉiu povas, laŭ sia modesta kapablo, ĉiamaniere partopreni en la antaŭenigado de nia afero. Ni jam ne devas nin turni al idealistoj aŭ pure memoferemaj homoj sed al la granda popolamaso, kies skeptikeco kaj indiferenteco kliniĝos nur antaŭ faktoj kaj pruvoj de la utileco de nia lingvo. Nia entrepreno do fariĝas pli facila, se nur oni konsideras ĝin kiel aferon seriozan, fundamentan, ne kiel distraĵon aŭ eventualaĵon. Tiu momento jam venis ; tion komprenu ĉiuj, kaj baldaŭ, ne kelkaj miloj da homoj, sed centoj da miloj festados la jubileon de Esperanto.

Hodiaŭ, ni kune festu kaj ĝoju, sed morgaŭ, ni daŭrigu la vojon kaj ree laboru, kun tia senlaca fervoreco, kiun inspiras rigardo al glora estinteco kaj al granda celo.

H. HODLER.

## TRA LA MONDO

### Belgujo

Bruselo, Julio 1907.

La Belga regno nun estas priokupita de la «Flandra» demando, kiu, en la komenco, pure lingva fariĝis nun ankaŭ politika. S-ro Coremans, katolika deputato de Antverpeno, proponis, ke oni apliku al la duagrada neoficiala instruado la saman traktadon pri la flandra lingvo kiel al la oficiala instruado. Li proponas, ke en Flandro, la neoficialaj lernejoj starigu lecionojn en flandra lingvo, ke la kono de tiu lingvo estu necesa par la ricevo de la atestoj pri lernado. La akcepto de la ideoj de S-ro Coremans havus kiel atendeblan rezultaton la plimalgrandiĝon de la lernantoj en la katolikaj neoficialaj kolegioj, en kiuj la instruado estas farita tute en franca lingvo. La sukceso de tiuj katolikaj lernejoj venas ĝuste de la momento, kiam oni trudis la flandran instruadon al la duagradaj oficialaj lernejoj en Nordaj provincoj. La projekto Coremans, reegaligante la oficialan kaj neoficialan instruadojn, do efikus la migron de la flandra mezklasa lernantaro al kolegioj de la franc-lingvaj provincoj. Oni do komprenos la akrecon de la nuna batalo, kiu dividas kaj diverspartianojn kaj diverslingranojn. La dirita projekto estas defendata de la flandraj katolikoj, kaj de la liberaluloj kai socialistoj, sed nur en la celo akceli la foriĝon de l'nuna ministraro de Trooz. La disputado jam de longe daŭras en la Deputataro kaj oni ricevis tiel konfuzegan rezultaton, ke analizi ĝin estas neeble. « Oni malkontentigas samfoje kaj la Flandranojn kaj la kontraŭflandranojn», diras la jurnalo *Indépendance Belge*. La principo estis akceptita de la Deputataro, sed ne aplikita. Estas verŝajne, ke, post tiaj sennombraj konfuzoj, la projekto estos rifuzata, se ne de la Deputataro, almenaŭ de la Senato. Sed bedaŭrinde la disputoj inter Flandro-kaj Franclingvanoj ne estas proksimaj al finiĝo kaj tio estas granda malbono por la morala kaj politika unueco de Belgujo. En la lasta tempo, la batalo kontraŭflandra organiziĝas. La franclingvai grupoj kunvenis en Bruselo kaj voĉdonis proteston kontraŭ la valonaj (franclingvaj) deputatoj, kiuj akceptis la proponon Coremans ; ili ankaŭ intencas organizi vastan petoskribon kaj kunvenegon en Bruselo.

La Belga Deputaro sin ankaŭ okupas pri alia demando, kiu ne estas pli klara, nome pri la reformo de la balotoj por la provincaj kaj komunumaj konsilantaroj. Nuntempe, ĉiu regnano havas de unu ĝis kvar voĉoj, laŭ kondiĉoj de impostoj, kapableco kaj loĝado. Kelkaj proponas, ke oni apliku por tiaj balotadoj la saman plurvoĉan sistemon kiel por la Parlamento ; la socialistoj postulas la rektan universalan balotadon ; la liberaluloj rekomendas specialan sistemon, laŭ kiu la patroj havas 2 voĉojn kaj la aliaj regnanoj nur unu, ili ankaŭ petas la laŭproporcian sistemon. Kiel oni vidas, la konfuzo estas plena, kaj Belga jurnalo rimarkas iom ŝerce, sed iel prave : «La fervoja konfuzego estis ĝis nun afero ekskluzive Belga. Ni nun kreas novan nacian specialaĵon : la bolotada konfuzego ».

R. B.

### Holando

Hilversum, julio 1907.

Jus finiĝis la balotoj de la deputatoj por la provinca registaro. Tiun ĉi fojon, rezultis de tio vivega agemo inter la diversaj politikaj partioj, kiuj energie disputis la venkon unu al la alia, ĉar de la elementoj de tiuj provincaj aŭtoritatoj dependas la konsisto de la alta duono de l'Holanda Parlamento dum la alia duono jam estas tute sub la influado de l'dogmaj ekleziaj partioj kaj la rezultato de l'nuna elekto donis ankoraŭ pli da sukceso al la kunligo de l'du antipodoj (ortodoksaj protestantoj kun katolikoj), kies sola simileco estas en tio, ke la religio estas la ĉefa fundamento de ilia tuta celado. La socialistoj, ne kontentaj de la longa regado de la liberecanoj, kiuj tre ofte montriĝis tre konservativemaj, ĝenerale jam ne helpas ilin, sed iradas laŭ sia propra vojo. Pro la nuna triumfo de l'religia fluo en la mastrumado de l'ŝtato, oni supozas, ke la tempo estas malfavora por la neŭtrala instruado

kaj fariĝos ĉiam pli grava movado en la direkto de la sektaj lernejoj, ĉar frua influo sur la infanaro estas la florado de oficiala sistemo. Tamen, la socialista partio ankaŭ kreskadas malgraŭ siaj internaj disputoj, kiuj tiel ofte disigas ĝian forton.

Dreves UITTERDIK.

## Italujo

Romo, Julio 1907.

Ĵus okazis la balotado por parto de la Urba konsilantaro; ĝi elvokis akran batalon kaj la rezultato estis senpacience atendita, ĉar Romo havas nepridisputeblan influon al la cetero de Italujo. Du listoj estis prezentitaj : unu entenanta katolikojn kaj moderajn liberalulojn, alia ĉefe kontraŭklerika, entenanta anojn de la plej diversaj partioj : liberala, respublikana, socialista, k. t. p. La lasta listo venkis per granda plimulto (15.000 kontraŭ 8000); ĝis nun la plimulto estis klerika; oni antaŭvidas, ke la urbestro kaj la restantaj konsilantoj eksiĝos kaj okazos novaj balotoj. La ekonomiaj demandoj, ĉefe la plikarigo de la apartamentoj kaj ilia nesufiĉeco kaŭzis tiun rezultaton. En alia rilato, tiu okazo estis interesa. La movado kontraŭklerika en Italujo pli-kaj-pli fortikiĝas. Grava parto de la monarkianaj partioj kunligiĝas kun la respublikanaj kaj socialistaj partioj kontraŭ la katolikoj. Ekmontriĝas nova politika situacio, kies konsekvencoj ĉiutage pligraviĝos por la estonteco de Italujo.

La 4an de Julio, la tuta lando prifestis la centan jubileon de nia nacia heroo, Jozefo Garibaldi. La Parlamento decidis, ke tiu tago estos nacia festotago; la ŝtato samtempe akiris la insulon Caprera, kie la ĉiekonata glorulo pasigis siajn lastajn jarojn. La rememoro al Garibaldi estas por ĉiuj Italoj kulto preskaŭ egala al la amo al la patrujo, kiu konstante gvidadis la faman patrioton kaj la ĉefan realiginton de la unueco Itala. Multaj pilgrimantoj ĉiujare iras en Caprera por viziti lian tombon kaj ĉiuj vojaĝantoj tra Italujo scias, ke ĉia urbeto posedas, se ne monumenton, almenaŭ straton aŭ placon dediĉitajn al Garibaldi. Lia vivo aperas kaj aperos ĉiam kiel glora epopeo. Lia aventura juneco, liaj vojaĝoj en Suda Ameriko, la defendo de Romo en 1849, la famega militiro de l' Miloj, Aspromonte, Mentana, la almilito de tuta Italujo, la franca-germana milito, ĉio tio ĉi kronigas lin per ĉiama gloro kaj admirindeco. Li nun altiĝis super ĉiuj partioj kaj li antaŭ ĉio estis Italo kun ĉiuj Italaj ecoj.

L. S.

## Portugalujo

Lisabono, Junio 1907.

Nia lando nun estas en akra kaj malfacila politika situacio. La Parlamento estas forpermesita kaj la superan, preskaŭ diktatoran, potencon tenas S-ro Saô Franco ; tumultoj jam okazis en diversaj lokoj kaj malgraŭ ke la registaro kaj la polico zorgas por ilin fini, oni ĉiam timas, ke ili denove okazos laŭ pli granda proporcio kaj ke agitado ekregos en la regno, kies loĝantaro estas nuntempe — ĉefe en la urboj — tre ekscitita. S-ro Jaô Franco, la ĉefministro, dispelis la Parlamenton, dirinte, ke labori konsente kun ĝi estas afero ne efektivigebla, kaj, oni pretendas, ke li intencas de nun kondukadi la regnajn aferojn sen la Parlamento. Tio estus la starigo de la absolutismo, ĝuste en la momento kiam la lastan absolutisman registaron en Eŭropo kontraŭbatalas unu granda popolo. S-ro Franco ja provis eksciti en la lando favoran opinion ; li travojaĝis la diversajn regionojn de Portugalujo, paroladis ĉi-tie kaj tie por pravigi siajn intencojn, promesis multnombrajn plibonigojn. Sed fakte la plibonigoj ne venas, ekster la plialtigo de la salajro de la policanoj kaj ŝtatoficistoj, kaj, leĝdonanta, regula, konstitucia potenco jam ne ekzistas. Preskaŭ ĉiuj partioj kontraŭbatalas la nun regantan ministraron, sed S-ro Franco havas por si la kortegon kaj aron da fervoraj amikoj. Al tio, oni aldonu, ke, escepte en la urboj, nia popolo ankoraŭ ne tre bone sentis ia profitojn de l'konstitucia regado, kiun ĉiam tenis en mano politikistoj pli priokupitaj de sia propra intereso ol de la bono de l'tuta lando. Kompreneble, la respublikanoj provas uzi la nunajn okazojn por sia profito. Multaj fremdaj gazetoj parolis pri kontraŭdinastia movado, sed, laŭ mia opinio, tia movado tute ne estas enradikiĝita en la lando, kaj eĉ la respublikanismo estas timeme apogata nur de la urbaj instruituloj sed ne komprenata de la cetera popolamaso, kiu, mi ripetas estas estrata de la politikistoj. Tio ĉi estas la kaŭzo, ke la nuntempaj okazoj, kiuj en alia lando elvokus ribeladon, tie ĉi ne efikas tian agitadon, kian kredas la alilandaj gazetistoj. Por ke Portugalujo certe kaj rapide iru sur la vojo al progreso, necesa estas plena renovigo de la politika vivado kaj de la kompreno de l'roloj de la diversaj partioj, kiuj ĝis nun celis la superan potencon nur por favori siajn ĉefajn anojn kaj anstataŭas unu per la alia, sen grava plibono por la lando. Kio ajn estas, la estanta situacio estas grava kaj, povus esti, ke ĝi havos neatenditan finon, sed ankaŭ, povus esti, ke ĝi finiĝos nur per tio, ke la nuna ministraro, sub la premo de l'ĝenerala opinio, estos anstataŭata de alia, kaj nenio, escepte kelkaj personoj, estos ŝanĝata en la lando...

H. A. N.

## Rusujo

Peterburgo, Julio 1907.

La nova leĝo por la elektado de l' deputatoj, eldonita la 3an de Junio 1907, post forpermeso de l' 2a Regna Dumo, diferencas de la leĝo kiu estis eldonita en 1905, ĉefmaniere per tio ke ĝi estas tre bona por terhavantoj kaj tre malbona por nerusaj popoloj, vivantaj en Rusujo. El nombro de 442 deputatoj (anstataŭ 524) la polujanoj havos nur 13 (anst. 36), kaŭkazanoj 7 (anst. 25) kaj Azianoj ne ricevos eĉ unu deputaton, kvankam pli frue ili havis 20. La gazetoj priparoladas tiun ĉi leĝon kaj multaj el ili opinias ke en la « centro » de l' estonta Duma estos la anoj de partio de l' « 17 oktobro » (tago. kiam estis eldonita la manifesto) La kadoj kaj socialdemokratoj decidis partopreni en la elektado de l' deputatoj sed estas okulvideble ke ili ne povas venki. Tiamaniere la « nigrocentuloj » ĝojas, sed ĉiuj komprenas ke la estonta Duma ne estos Dumo de l' rusa popolo. La proksima estonta tempo montros al ni la laborpovecon de « oktobranoj » sed ni ne esperas ke ili donos al Rusujo pacon, kiun ni jus delonge ne konas, ĉar ĉiutage en diversaj anguloj kaj eĉ en grandaj urboj de nia vasta patrolando estas en granda nombro mortigoj, raboj kaj aliaj teruraj okazintajoj.

En Moskvo, antaŭ nelonge estas fermita la kunveno de terhavantaj nobeloj. Por rekomendi ĝin al ni, estas sufiĉe diri ke tiu ĉi kunveno estas kontraŭ « la tre liberema agado » de la nuna registaro, kontraŭ la partoprenado de la virinoj en la elektado de deputatoj, k. t. p. Dum tiu ĉi kunveno mortis unu el malmultaj liberemaj anoj de ĝi Grafo P. A. Gejden, kiu estis la Deputato en 1a Regna Duma kaj fondinto de partio « paca renoviĝo ».

SENPARTIULO.

## Tutmonda Kroniko

*Junio 16, Peterburgo.* — Cara ordono fiksas la 14an de septembro por la balotoj de la Dumo. Aresto de 9 deputitoj.

*Parizo.* — La interkonsento angla-franca-hispana estas oficiale anoncita.

*Berlino.* — Alveno de l' urbestro de Londono.

*17, Parizo.* — Oni publikigas la traktaton pri la interkonsento franca-japana.

*18, Parizo.* — Eksiĝo de S-ro Sarraut, ŝtatsubsekretario, pro la Sud-francaj aferoj.

*Sud Francujo.* — Gravaj tumultoj pro la movado de la vinkulturistoj.

*Norda Grekujo.* — Gravaj superakvoj; 300 mortintoj; malgajno da 4 milionoj da spesmiloj.

*19, Vieno.* — La Imperiestro malfermas la novan Parlamenton.

*Narbono (Sud-Francujo).* — Aresto de la urbestro Ferroul. La tumultoj daŭras.

*Hago.* — Unua plena kunsido de la konferenco por la Paco.

*Lisabono.* — Grava manifestado kontraŭ la registaro.

*20, Napolo.* — Striko de la tramvojistoj, tumultoj.

*21, Narbono* — Granda manifestado; 6 mortintoj. En Adge 600 soldatoj forkuras.

*22, Parizo.* — La Deputataro aprobas la leĝon kontraŭ la falsado de la vinoj.

*Berlino.* — Eksiĝo de du ministroj en la Prusa kai Germana ministraroj.

*23, Parizo.* — La ĉefo de la sudfranca movado, Marcelin Albert, vizitas ĉefministron Clémenceau.

*24, Bruselo.* — Proceso kontraŭ Waddington.

*Narbono.* — Novaj forkuroj de soldatoj.

*25, Peterburgo.* — Komerca traktato itala-rusa.

*26, Romo.* — La Deputataro denuncas eksministron Nasi al la Senato kiel supra kortumo.

*Montpellier.* — Marcelin Albert liveras sin al la aŭtoritato kaj estas enkarcerigita.

*28, Armenujo.* — Konfliktoj de la turka soldataro kun la armenaj ribelantoj.

*30, Romo.* — Balotadoj en Romo; venko de la kontraŭklerika kunligo.

*Genevo.* — La popolo akceptas la leĝon pri le deŝtatiĝo de l' eklezioj.

A. TELLINI.

# ESPERANTO PRAKTIKA

## Akcia Societo Esperanto

Ni tre dankas Eiujn personojn, kiuj respondis niajn du alvokojn por la fondo de Akcia Societo « Esperanto » kies fondo estas de nun certigata. Restas ankoraŭ kelkaj akcioj mendeblaj, kaj, ĉar kelkaj grupoj ankoraŭ ke povis disputi la demandon, ni ricevos respondojn ĝis la 1a de Aŭgusto. Ni baldaŭ informos la akcimendintojn pri la dato de la kunveno en Cambridge.

## Nia Enketo-Konkurso

Laŭ peto de kelkaj personoj, ni plilongigis la lastan limtempon de la 2a serio de nia Enketo-Konkurso ĝis la 20a de Julio.

Ni jam ricevis tre ŝatindan nombron de respondoj; la personoj, kiuj deziras ankoraŭ partopreni, rapidu. Vidu en No 6 de ESPERANTO la demandojn de la konkurso kaj la liston de la premioj.

---

FELIETONO DE " ESPERANTO " 4

# LA LEGENDO
DE
# SANKTA JULIANO HELPEMA

el Gustave FLAUBERT

(trad. H. HODLER)

Danke al la dia favoro, li ĉiam saviĝis, ĉar li protektadis la ekleziulojn, orfojn, vidvinojn, kaj ĉefe la maljunulojn. Kiam li vidis maljunulon antaŭemarŝantan, li kriis por ekkoni lian vizaĝon, kvazaŭ li timus lin senatente mortigi. Forkurintaj sklavoj, ribelintaj servutuloj, senbienaj bastardoj, ĉiaspecaj maltimuloj grupiĝadis sub lia flago kaj li formis al si militistaron. Gi dikiĝis. Li famiĝis. Oni deziris lian amikecon. Li helpis sinsekve la reĝidon de Francujo kaj la reĝon de Anglujo, la Templanojn de Jeruzalemo, la surenon de l'Partoj, la negudon de Abisenujo kaj la imperiestron de Kalikuto. Li kontraŭbatalis Skandinavianojn vestitajn per fiŝskvamoj, Negrojn provizitajn per ŝildoj el hipopotama ledo kaj rajdantajn sur ruĝaj azenoj, orkolorajn Indojn svingantajn super la diademoj glavojn pli helajn ol speguloj. Li venkis la Troglodidojn kaj Antropofagojn. Li trapasis regionojn tiel varmegajn ke sub la sunardeco ekbrulis mem la hararoj kvazaŭ torĉoj, kaj aliajn tiel malvarmegajn, ke la brakoj apartiĝis de l'korpo kaj falis teren, kaj landojn tiel nebulajn ke oni marŝadis ĉirkaŭita de fantomoj. Embarasitaj respublikoj petis lin pri konsiloj ; ĉe l'renkontiĝoj kun la ambasadoroj, li ricevis neespereblajn kondiĉojn. Se monarĥo kondutis tro malbone, li subite alvenis kaj lin riproĉis. Li liberigis reĝinojn enfermitajn en turoj. Li mem, kaj neniu alia, mortigis la Milanan serpenton kaj la Oberbibachan drakon.

Jen la imperiestro de Okcitanio, venkinte la Hispanajn Mahometanojn, vivadis kun la fratino de l'Kordova kalifo ; kaj li de tiu kromvirineco ricevis filinon, kiun li kristane edukis. Sed la kalifo, ŝajnigante konvertiĝemon, lin vizitis akompanita de granda sekvantaro, mortigis lian tutan garnizonon kaj lin profundigis en subteran malliberejon, kie li maldolĉe traktis lin por eltiri de li trezorojn. Juliano alkuris por helpo, detruis la militistaron de l'idolanoj, sieĝis la urbon, mortigis la kalifon, tranĉis lian kapon kaj super la remparoj forjetis ĝin kiel bulon. Poste, li liberigis la imperiestron kaj ree metis lin sur la tronon dum ĉeestis tuta lia kortego. La imperiestro, kiel rekompencon de tia servo, al li prezentis en korboj multon da mono ; ĝin ne akceptis Juliano. Kredante, ke li deziras pli multe, li proponis al li la tri kvaronojn de siaj riĉajoj ; denovaj rifuzoj ; poste la dividon de sia regno ; dankis lin Juliano ; kaj la imperiestro ploris de ĉagreno, ke li ne sciis kiamaniere montri sian dankecon, kiam li frapis sin al la frunto, diris vorton ĉe l'orelo de kortegano ; malfalis la kurtenoj de tapeto kaj aperis junulino : ŝiaj grandaj nigraj okuloj brilis kiel du tre dolĉaj lampoj ; ŝiajn lipojn malfermetis ĉarma rideto. La ringoj de ŝia hararo alkroĉiĝis al la diamantaro de ŝia duonfermita robo, kaj, tra la diafaneco de la tuniko, oni divenis la junecon de ŝia korpo ; ŝi estis tute gracia kaj graseta kun delikata staturo. Juliano estis blindigita de l'amo, tiom pli ke li ĝis nun tre ĉaste vivadis, Do, li edziĝis kun la filino de l'imperiestro kaj ricevis kastelon, kiun ŝi heredis de sia patrino ; kaj post la edziĝa ceremonio, oni per senfinaj afablajoj sin reciproke forsalutis. Gi estis marmorblanka palaco, laŭ la Maŭra kutimo, konstruita sur promontoro, en oranĝarbaro. Florplenaj terasoj kliniĝis ĝis la golfa bordo, kie, sub la paŝoj, krakadis rozkoloraj konkoj. Post la kastelo, etendiĝis arbaro en formo de ventumilo. La ĉielo estis konstante blua, kaj, laŭvice kliniĝis la arboj, sub la bloveto de l'maro kaj la vento de l'montoj, kiuj malproksime ŝlosas la horizonton. La ĉambroj, duonhelaj, estis lumigitaj per la inkrustajoj de l'muroj. Altaj pilonetoj, tiel maldikaj kiel kanoj, subtenis la kupolojn ornamitajn per reliefoj imitantaj la stalaktitojn de l'grotoj. En la ĉambregoj troviĝis ŝprucantaj fontanoj, en la kortoj mozaikoj, festonaj muroj, multegaj beletajoj arĥitekturaj, kaj ĉie tia silento, ke oni aŭdis la tuŝeton de l'harpo aŭ la eĥon de sopiro. Juliano jam ne militis. Li ripozadis, ĉirkaŭita de trankvila popolo, kaj ĉiutage pasis antaŭ li homamaso kun genufleksoj kaj orientalaj mankisoj. Vestita per purpuro, li sin apogis ĉe fenestro kaj rememoradis pri siaj iamaj ĉasadoj ; kaj li tiam volis persekuti gazelojn kaj strutojn sur la dezerto, embuske kaŝiĝi en la bambuoj por afusti rinocerojn, atingi ĝis la supro de la plej malfacilaj montoj por pli bone celi la aglojn, ĝis la glaciejoj de la maro por batali kontraŭ la blankaj ursoj. Kelkafoje, li, kiel nia patro Adamo en la mezo de l'Paradizo, sin vidis inter ĉiuj bestoj ; li, etendante la brakojn, mortigis ilin, aŭ ili poduope pasadis, laŭ ordo de staturo, de la elefantoj kaj leonoj ĝis la ermenoj kaj anasoj, same kiel en la tago kiam ili eniris sur la ŝipon de Noe. Ce l'ombro de kaverno, li per trafemaj sagoj celis ilin ; aliaj elvenis ; tio ne finiĝis ; kaj li vekiĝis minacante per sovaĝaj okuloj. Princoj el lia amikaro invitis lin por ĉasado. Li, kredante forpeli la malfelĉon per tia pento, tion ĉi ĉiam rifuzis, ĉar ŝajnis al li, ke de la mortigo de l'bestoj dependas la sorto de liaj gepatroj. Sed lin doloris ilia neesto, kaj lia alia envio fariĝis netolerebla. Por lin distri, ŝia edzino venigis jonglistinojn kaj dancistinojn ; ŝi promenadis kun li, en malfermita portilo, tra la kamparo ; aliajn fojojn, ili, kuŝantaj ĉe l'bordo de ŝipeto, rigardadis kiel disnaĝas la fiŝoj en la akvo tiel klara kiel la ĉielo. Ofte, ŝi jetis florojn al lia vizaĝo ; sidiĝinte antaŭ liaj piedoj, ŝi ludis ariojn per trikorda mandolino ; kaj kunplektante siajn manojn sur lian ŝultron, ŝi diris per timena voĉo : « Kion do vi havas, kara estro ? » Li ne respondis aŭ ekploregis ; fine, ian tagon, li konfesis sian teruran penson. Per tre lerta rezonado, ŝi rebatis lin : liaj gepatroj kredeble jam mortis ; se iam li revidus ilin, per kia okazo, por kia celo, li farus tian abomenon ? Sekve, lia timo estas senkaŭza, kaj li devas denove ĉasadi. Juliano, ŝin aŭskultante, ridetis, sed ne decidiĝis kontentigi sian deziron.

Aŭgustan vesperon, ili estis en ŝia ĉambro ; kiam ŝi ĵus enlitiĝis kaj li genufleksis por la preĝo, li aŭdis la bojeton de vulpo kaj mallaŭtajn paŝojn sub la fenestro ; kaj, tra la ombro, li ekvidis ŝajnojn de bestoj. La tento estis tro akra. Li prenis sian sagujon ; ŝi ŝajnis surprizita. « Tion mi faras por vin obei ! li diris, ĉe la sunleviĝo, mi jam revenos ». Tamen, ŝi timis danĝeran aventuron. Li trakviliĝis ŝin kaj eliris, mirigita de sia nekonstanta humoro. Post malmulte da tempo, paĝio anoncis, ke du nekonatoj postulas tuj la sinjorinon anstataŭ la forestanta sinjoro. Kaj baldaŭ envenis en la ĉambro maljuna viro kaj maljuna virino, kurbigitaj, polvoplenaj, vestitaj per tuko, kaj ĉiu sin apoganta sur bastono. Ili kuraĝiĝis kaj diris, ke ili alportas al Juliano vovajojn pri liaj gepatroj ; ŝi klinigis por ilin aŭskulti. Sed, konsiliĝinte per rigardo, ili demandis ŝin, ĉu li ankoraŭ amas ilin, ĉu li parolas iam pri ili. « Ho, jes ! », ŝi diris. Tiam ili ekkriis : « Nu ! ni estas liaj gepatroj ! » kaj ili sidiĝis, ĉar ili estis tre lacaj. Tion ili pruvis, priskribante la apartajn signojn, kiujn li havas sur la haŭto.

*(daŭronta.)*

## ESPERANTO-KONSULARO

S-ro Samuel Meyer faris enketon pri diversaj organizaj punktoj interesantaj la konsularon. Jen estas resumo de la ĉefaj cititaj opinioj. La rezultatoj de tiu utila enketo estas decida paŝo al la efektiviĝo de regularo, por la konsularo.

**Opinioj.**

A. — Estas utile prepari regularon.

B. — Estas dezirinde, ke en ĉiu urbo estu almenaŭ unu konsulo.

C. — Nuntempe kaj provizore estas akceptataj de la Esperantistaro ĉiuj konsuloj nomitaj de ia ajn esperantista societo aŭ grupo, aŭ eĉ de si mem. Tamen estas dezirinde, ke ili estu iamaniere rajtigitaj de la nacia Societo de sia lando.

C. — La nomoj *Konsulejo* kaj *Konsulo* estas ĝenerale aprobitaj. Sed en la landoj aŭ urboj, kie tiu nomo ŝajnas ne taŭga, la lokaj Societoj aŭ grupoj povas tre bone alpreni alian nomon por la samaj funkcioj.

D. — Estas dezirinde, ke la grupoj ĝin povantaj aranĝu, krom Konsulejo. esperantan *Oficejon* kun afiŝejo, vendejo, tradukejo, k. t. p.

Tiaj oficejoj estas jam kreitaj en Boulogne kaj Bourges kaj donas bonajn rezultatojn. La oficejoj dependas de la grupoj kaj okupas sin pri la propagando kaj pri la korespondado kun neesperantistoj, dum la konsuloj korespondas kun la fremdaj esperantistoj kaj ilin helpas laŭeble en sia urbo.

E. — Principe la sciigoj donataj de la konsuloj estas senpagaj. Tamen iliaj poŝtaj aŭ aliaj elspezoj devas ĉiam esti pagataj de la demandantoj. La konsulo mem juĝos, ĉu li devas respondi pri privataj aŭ familiaj aferoj. Por specialaj servoj aŭ laboroj la konsulo povcs peti pagon; pri tio decidos li mem aŭ la Societo nominta lin.

F. — La nomoj de la konsuloj estu kiom eble konigataj en la esperantaj kaj neesperantaj gazetoj kaj en la ĝeneralaj aŭ lokaj adres libroj. Plie la plena nomaro estu presata ĉiujare en speciala libreto.

G. — Ciuj konsuloj havu similajn blazonŝildojn kaj stampilojn « Tra la Mondo » (Aprila numero) jam donis modelojn. Kelkaj kolegoj ankaŭ sendis al mi proponojn pri tio.

**Demandoj.**

1. — La komunikaĵoj interesantaj la publikon devas esti sendataj al ĉiuj esperantaj gazetoj. Sed ĉu estas utile elekti unu jurnalon kiel oficialan organon de la konsularo kaj devigi ĉiujn konsulojn aboni ĝin ?

Pri tio la konsuloj tre malsame opinias.

2 — Cu la fremdaj samideanoj povos skribi senpere al la konsuloj ? Kelkaj deziras, ke oni ĉiam uzu la peron de la konsulo de sia propra urbo aŭ regiono. Cu tio ĉi ne estus senutila komplikaĵo ?

3. — Ne ŝajnas utile havi estraron por la konsularo. Tamen ĝenerala sekretario povus esti elektita en ĉiu lando ; li korespondus kun la aliaj ĝeneralaj sekretarioj kaj estus komisiita sendi al sialandaj konsuloj la sciigojn interesantajn la konsularon, kiujn tamen li ne juĝos utile presigi en la gazetoj.

4. — Oni proponas, ke ĉiu konsulo pagu malgrandan kotizon por la organizado. Cu *1 fr.* ?

5. — Kelkaj amikoj ankaŭ proponas, ke la konsuloj havu en la unuaj tagoj de la kongreso en Cambridge ĝeneralan kunvenon por priparoli inter si tiujn kaj aliajn demandojn kaj poste prezenti raporton al la kongreso.

Bonvolu sendi al mi viajn observojn kaj respondojn pri la supraj opinioj kaj demandoj.

Sinceran saluton !

Sam. MEYER,
Esp. Konsulo en La Rochelle (Francujo).

## ESPERANTO KAJ AERVETURADO

La unuan fojon,, sub la okuloj de la popolamaso, nia standardo altiĝis en la aero kaj plie en konkurso oficiala. Ni dankas tiun ĉi plezuron al S-ro Ed. Archdeacon, la tre fama balonisto, kiu, tute varbita por nia afero, kavis la bonegan ideon, en la konkurso de aerveturado okazinta la 13an de Junio en Parizo, nomi sian aerostaton « Esperanto » kaj alpendiĝi al ĝi nian flagon. Vojaĝo farita sub la signo de l'Espero povis nur sukcesi kaj la balono post 15 horoj feliĉe malsupreniris en Côte-d'Or, altiĝinte ĝis 2000 metroj. Fidu ni en la promeso de Sro-Archdeacon, kiu diris, ke li rekomencos baldaŭ kaj ni profitu tiun okazon por gratuli lin kaj lian amikon S-ro E. Aimé pro ilia sindomeco kaj agemeco por la afero Esperanta.

L. DE GUESNET.

## MARISTA ESPERANTISTA LIGO

La iniciatintoj de « Marista Esperantista Ligo insiste petas, ke oni *nepre* respondu al ilia alvoko, aprobe aŭ ne. Ili jam ricevis ŝatindan nombron da aproboj, sed ne sufiĉe por esti certaj, ke ilia iniciato trafos ilian celon. Oni do sendu al ili ĉiujn opiniojn por ke ili povu definitive aranĝi la Ligon en Cambridge, aŭ, se la afero estas juĝata neutila, ke ili ne kreu organon pereontan.

Vidu la alvokon en ESPERANTO de la 12a junio kaj en aliaj esperantistaj jurnaloj.

## Internacia Unuiĝo de la Studentoj (I. U. S.)

Oficiala Informilo

La *Internacia Unuiĝo de la Studentoj* (*I. U. S*) celas : 1e La uzadon kaj disvastigadon de la internacia lingvo Esperanto inter la studentaro ; 2e La alproksimiĝon kaj interkomunikiĝon de la studentoj el ĉiuj landoj.

La jara kotizaĵo estas 3 frankojn (Sm. 1,20). ESPERANTO estas de nun la oficiala organo de la dirita unuiĝo kaj enpresas en ĉiu No la avizojn, kiuj koncernas ĝin. La anoj de la I. U. S. regule ricevos la jurnalon sen plua pago. La informojn oni sendu al la *kasisto :* S-ro R. Sakoviĉ, Bol. Podjaĉeskaja St-Peterburgo (Rusujo). *Prezidanto :* S-ro Wichert, Bahnhofstr. 9, II, Konigsbeog (Germanujo). *Sekretario :* S-ro A. Vincenneux, Beaune (Côte-d'Or, Francujo). La membrajn kotizojn oni sendu, rekte al nia Administracio (8, rue Bovy-Lysberg, Genevo, Svisujo), sciigante la kasiston pri tio.

## INTERNACIA SOCIETO DE LA ESPERANTISTAJ JURISTOJ

Oficiala Informilo

La *Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj* (I. S. E. J.) fondita dum la IIa kongreso esperantista havas celon krei kaj konservi inter siaj anoj aferajn rilatojn, konigi al la fremdaj juristoj la samideanajn kunfratojn aŭ jurlaborantojn en ĉia lando, ebligi la sendon de aktaro en la plej malproksimajn landojn, kun certeco trovi tie korespondanton, kiu parolas kaj skribas Esperante, unuvorte unuigi la Esperantistajn juristojn de ĉiuj landoj. Jam aliĝis anoj de pli ol 15 landoj.

La jara kotizaĵo kostas fr. 2,50 (1 spesmilo). ESPERANTO estas la oficiala organo de la I. S. E. J. kaj enpresas en ĉiu No la avizojn, kiuj koncernas ĝin. La anoj de la I. S. E. J. regule ricevas la jurnalon, sen plua pago.

Por ĉiuj informoj, sin turni al *S-ro Sergeant* sekretario, *31, boulevard Mariette, Boulogne-s-Mer* (Francujo), al kiu devas esti ankaŭ sendataj ĉiuj artikoloj, petoj de la anoj, novaj aliĝoj, k. t. p.

***

**Grava Avizo.** — Insiste petataj estas la diverslandaj anoj, kiel eble plej rapide sendi al sinjoro *Degon*, vic-prezidanto por Francujo (17 Strato Saint-Eloi, Douai, Francujo) le juristan tradukadon kiu estas entreprenita de ili. Se ĝi ne estas tute finita, tamen bonvolu la tradukintoj sendi tion kion ili jam faris, ĉar tre dezirinde estus ke ni povu, dum la kembriĝa kunveno, raporti la staton de nia afero, la atingitajn aŭ atingotajn rezultatojn, kaj fine la rimedojn alprenotajn. Por tio ni devas koni tion kion ĝis nun ĉiu faris.

## ANONCETOJ

*Kosto.* 8 spesdekoj (20 centimoj, 2 pencoj, 10 pfenigoj) por ĉiu linio.

Rabato de 25 % por 6 enpresoj.

Niaj abonantoj rajtos enpresigi 3 liniojn unufoje senpage.

Oni sendu al ni la anoncetojn antaŭ la 5 kaj 20 de ĉiu monato, aldonante la monon. Poŝtmarkoj estas akceptataj. Oni skribu plej legeble.

**London** (Anglujo). S-ro H. T. Bailey, 31, Caversham Road, Kentish Road, deziras korespondi pri interŝanĝo aŭ aĉeto de malnovaj Esp. jurnaloj.

**Liestal** (Svisujo). — S-ro Eduard Wenk p. adr. D-ro A. Veit Gysin, advokato deziras korespondi kun ĉiulandaj gesamideanoj.

**Praha** (Bohemujo-Aŭstrujo). — Kiu el S-roj inĝenieroj aŭ arĥitekturistoj ricevus en sian oficejon *junan teknikiston*, por desegnaj laboroj dum aŭgusto aŭ septembro, tiu bonvolu sendi kondiĉojn sub signo *O R. Praha* (ĉefpoŝto).

**Fourques** (Pyrénées-Orient. Francujo). — Paroĥestro Andreu sendigos al gesamideanoj po malalta prezo *vinojn naturajn kaj superajn*, ĉu blankajn, ĉu ruĝajn,ĉu malnovajn de Roussillon.

**« Saturday Evening Tribune »,** la plej granda grava amerika ĉiusemajna jurnalo socialista, deziras esperantistajn korespondantojn en ĉiu lando pri la labora kaj socialista movadoj. Redone oni sendos la jurnalon. (En ĉiu No esperanta artikolo). Sin turni al Ch.-E. Randall, 1522 First Ave., Seattle, Wash. U. S. A. (Unuigitaj Statoj).

**Voiron** (Isère, Francujo). — S-ro Barnie, boulevard de la République tre deziras interŝanĝi ilustritajn kartojn kun ĉiuj gesamideanoj ; ĉiam tuj kaj akurate respondos.

**Pizèn** (Bohemujo-Aŭstrujo. W S-rp Oktav Vlasák, Wenzigova ul 3, oficisto de la aŭstraj fervojoj interŝanĝos ĉiujn ilustritajn poŝtkartojn kaj respondos ĉiujn leterojn, kiujn li ricevos.

**Auby** (Nord, Francujo). — S-ro Philippe deziras korespondi kaj interŝanĝi vidajkartojn. La personoj aprobantaj la ideon de *Internacia Antialkolista Societo* estas petataj skribi al li.

**Parizo** (Francujo). — Mi deziras interŝanĝi konversacion kun samideano loĝanta en Parizo kai parolanta regule. Skribi al B. C. 35. Bureau 1.

**Burgonjo.** — La Federacio Esperantista de Burgonjo (18 grupoj) petas de la Tutmondo, ke ĝi bonvolu sendi, same kiel ĝi, honoran telegramon al Zamenhof la 21an de julio por festi la 20an jubileon de Esperanto. 500 telegramoj alvenantaj en Varsovio, tio farus bruegon.

**Anzin** (Francujo). — S-ro François Henri, konsulo, Avenue de Condé, 117, liveras informojn pri scienco, librotenado kai meĥaniko.

**Angers** (Francujo). — S-ro Georges, 9, rue des Boëliers, interŝanĝas poŝtkartojn (vidaĵojn kaj kostumojn). Ciam respondos per plej belaj poŝtkartoj de vidindaĵoj.

**Paris** (Francujo). — S-ro Le Grignoux, 45, rue de l'Esperance, Paris-XIII, ĉiam respondos al ĉiuj poŝtkartoj de ĉinj landanoj. Petas precipe marbordajn vidindaĵojn.

**Amiens** (Francujo). — S-ro Denis Quertant, 170, rue Laurendeau, deziras korespondi kaj interŝanĝi ilustritajn poŝtkartojn. Tuj respondos.

**Rossön** (Svdujo). — S-ro Hedström, foto grafisto. vendotaj : Scienca Revuo, du jarkolektoj : 1904-05. Plenaj, bone vinditaj (po 1 ekz.) —; la unua 10 Sm. (18 Kr.) ; la dua 6 Sm. (10,80).

**Wien-VI** (Aŭstrujo). — S-ro F. A. Viethaben Gumpendorferstr. 20, reprezentanto de I. U. S. por Aŭstrujo deziras interŝanĝi bildpoŝtkartojn ; ĉiam kaj tuj respondos.

**Kamovu** (Hungarujo). — S-ro F. J.). Macalik I. U. S., petas ĉiujn gesamideanjn sendi al li bildkartojn por helpi propagandon ; ĉiam respondos.

**Chartres** (Eure-et-Loir, Francujo). — S-ro Cabaret, rue de la Mairie, deziras korespondi kun ĉiulandaj gesamideanoj ; tuj respondos.

**Zizkov** (Bohemujo-Aŭstrujo) — S-ro D. Beneŝ, Havliĉkova 29, *vizitos* dum monatoj Julio kaj Aŭgusto *Parizon* kaj restos ĉi-tie, 14-30 tagojn. Kiuj dezirus lin akcepti kaj gvidi volu skribi tuj. Li serĉas ankaŭ privatan loĝejon en Parizo ; li vizitos ankaŭ multajn urbojn de Norda Francujo.

**Düsseldorf** (Germanujo). — La Esperantista grupo eldonis multkoloran bildkarton kun vidaĵo de sia kunvenejo. Ciu Esperantisto povas ricevi ĝin senpage adresante urbvidindaĵon al S-ro H. S. Hoen, Schützenstr. 61-I.

**Paris** (Francujo). — S-ro Masseron, 97, rue Alexandre-Dumas, Paris 20e, tre deziras koni la *nomojn de la komercaj ĉambroj, kiuj akceptis au rekomendis la uzadon de Esperanto. Tre grava* por la propagando.

**Prag-Zizkov** (Aŭstrujo). — S-ro J. Jenĉ, Havliĉkova 37, deziras interŝanĝi vidaĵojn kun alilandaj gesamideanoj ; ĉiam respondos !

## PROPAGANDA MARKO ESPERANTA

Tre taŭga propagandilo, Bela bildeto presita en koloro ruĝa kaj verda ; ĝi prezentas terglobon metitan sur la mezo de l'kvinpinta stelo, kun esperanta surskribo. Tiuj ĉi markoj estas difinitaj por esti algluigitaj sur la korespondaĵoj.

**Prezo : milo, 6 spesmiloj ; cento, 75 spesdekoj ; deko, 13 spesdekoj,** afrankita por privatuloj. **Milo, 1,50 spesmilo por societoj, konsulejoj, oficejoj, k. t. p.** Sin turni al **R. Felser,** Klosterwiesg. 46, **Gratz** (Aŭstrujo),



## Monata kroniko

Junio 1907.

Francujo denove altiris la tutmondan atenton per la neantaŭvidita movado en sudaj regionoj. La vinkulturistoj, premitaj de kreskanta mizero pro la nevendado de siaj produktoj, kiun ili aljuĝas al senpuna subŝtelado, postulis de la registaro plibonigon en fiksita limtempo. Tial ke tia plibonigo ne venis, ili agitiĝis kaj tumultadis. La plej multaj urbestraroj formetis siajn funkciojn, la striko de l'imposto estis proklamita, bedaŭrindaj okazoj sekvis, fluis sango. Granda diskutado okazis en la Deputataro ; malgraŭ la atakoj de la ekstremaj partioj kaj de la Sud-Francaj deputatoj, S-ro Clémenceau, sukcesis ricevi sufiĉan plimulton, kiu aprobis lian konduton. En la lasta momento, la agitado iom trankviliĝas, sed pasos longa tempo ĝis tiu regiono retrovos sian iaman prosperecon, ĉar tia prospereco ne dependas tiom de tia aŭ alia registaro kiom de la ekonomia stato de l'lando kaj de la interesatoj mem. Dum tiu movado, oni remarkis diversajn atencojn, kiuj montras, ke la disciplino en la armeo estas ŝanceliĝema, kaj, ke malgraŭ la kondamnoj, ia nova opinio naskiĝis, kiu iom-post-iom trapenetras la popolamasojn kaj disbatas la ĝisnunan fundamenton de la societo.

En la revolucia lando, Rusujo, la Dumo estis forpermesita kaj nova leĝo pri balotado estis proklamita. Tiu novaĵo, kvankam antaŭvidebla, ĉefe en la lasta tempo, elvokis bedaŭron kaj indignon de ĉiuj rusaj liberamantoj. Oni scias, ke la Dumo rifuzis malaprobi la teruristajn farojn ; la registaro profitis komploton de socialistaj deputatoj por peti la permeson de persekuto kontraŭ la implikitaj deputatoj ; ĉar, malgraŭ la registaraj instigoj, la Dumo ŝanceliĝis pri tia decido, ĝi estis forpermesita ; laŭ la nova leĝo, la nerusaj elementoj perdas multajn deputatojn, kaj la bienposedantoj ricevas novajn profitojn. La rusa popolo akceptis tiun novan frapon kun tia rezignacio, proksima al indiferenteco, kiu, dum tiu revolucio, jam multajn fojojn trompis la atenton de la rigardantaro. Cetere, la fakto, ke tria Dumo baldaŭ estos balotata montras, ke la registaro ne volas aŭ ne kuraĝas regadi laŭ la malnova absolutisma metodo.

Germanujo havis sian kortegan skandalon, nome la aferon Eulenburg, en kiu estis implikitaj diversaj altrangaj personoj, sed tiu okazo ne havis la antaŭviditajn konsekvencojn kaj nur montris ne tre ŝatindajn politikajn subagojn, en kiuj oni povos trovi la veron nur multe pli malfrue. Du lastaj eksiĝoj, tiuj de l'Prusa ministro de la kultoj kaj de l'Imperia ŝtatsekretario, montris la persistecon de la nova politiko : liberalkonservativa kunligo kontraŭ centrumo kaj socialdemokratio.

La nova Aŭstra Parlamento kunvenis, sed oni ankoraŭ ne povas eltiri ian montron pri ĝia estonta konduto, ĉar la novaj elementoj estas tro malsamaj ol la antaŭaj por scii pri la intencoj kaj reciproka sintenado de la partioj. Kiel Germanujo, Italujo havis novan skandalon : la eksministro Nasi, kulpigita pri subŝtelado estis kvazaŭ absolvita kaj triumfe repartoprenos en la Parlamento.

La dua Konferenco de la Paco fine kunvenis, sed, laŭ la kutimo de tiaj altrangaj diplomataroj, la unuaj tagoj estis pasigitaj per reciproka vizitado kaj oficialaj afablaĵoj. Oni ankoraŭ povas diri nenion certan pri la sorto de la kunveno ; kredeble ĝi prosperos solvi la demandojn detalajn de duaorda graveco, dum la ĉefajn ankoraŭ « ne maturajn » demandojn, ekz. la limigadon de la armado oni flanklasos aŭ prokrastos ĝis venonta konferenco. Kvankam, la rezultatoj de tiuj konferencoj estas ĝenerale ne tre gravaj kaj ne plene respondas la atendon de la laborantoj por la ideo de paco, oni, malgraŭ ĉio, devas konfesi, ke, de la lastaj jaroj, granda paŝo estis efektivigita kaj la ideo de justeco, kiun enhavas la principo de la arbitracio, iom-post-iom progresas. La fakto, ke oficialaj riprezentantoj de 44 nacioj ĉeestas en tiu ĉi kunveno estas jam per si mem signifa pruvo de la ĉiea disvolviĝado de la ideo pri internacia paco, kaj tia vidaĵo estus por niaj antaŭuloj tute stranga surprizo. La realigado de la paco internacia certe ne venos ekskluzive de tiaj kunvenoj, sed ili vole-nevole preparas ĝin, inklinas la regnojn al la kompreno de tiu ankoraŭ ne klare difinita, sed certe sentebla konscienco de l'homaro ; ili estas unuvorte simptomoj.

A. R.

# 20ª JUBILEO DE ESPERANTO (1887-1907)



D-ro Luduviko Lazaro ZAMENHOF
Aŭtoro de Esperanto

## FESTA KANTO

**Okaze de l'20ª Jubileo de Esperanto**
(21 Julio 1887-1907)

I

Laŭtiĝu tra l'mondo, fervoraj paroloj !
Kuniĝu gentanojn, vin aŭdu popoloj !
Jam venis la tempo por ĝoja konsento ;
Foriĝu malamo kaj mortu turmento !
Hodiaŭ ni festas ; ripozu l'armiloj ;
Konduku nin foren esperaj flugiloj !

II

Bariloj jarcentaj disigis homidojn,
Vokante malpacojn, semante dividojn.
Malĥore dissonis popolaj esperoj
Kaj revoj profetaj, kaj homaj suferoj
Al samo nacioj instinkte kuncelis
Sed voĉoj eraris kaj amon forpelis.

III

Sur kampoj apartaj de unu la tero,
Homaro plugadis kun bela espero ;
Dum fruktojn kreskigis la homa penado,
Naturon enĉizis genia kreado,
Per longa batalo, post akra laboro,
Al mondo naskiĝis eterna trezoro.

IV

Sub frapoj geniaj forfalis malvero,
Tra noktaj konfuzoj ekbrilis libero,
Konsciis popoloj pri unu homaro,
Sed ilin fremdigis fortika remparo,
Kaj kvankam la koroj sampense kunsonis,
Senfrukte paroloj fratige admonis.

V

Jen, homo aperis, de l'sorto signita,
Oferis li vivon al cel'difinita
El dissonoreco de l'kantoj naciaj
Sprucigis li himnon komunharmonian
Al sankta espero pri bono kaj vero,
Konstanta gvidilo de l'homo sur tero.

VI

El formoj ŝanĝemaj de densa teksaĵo,
Dum longaj jarcentoj konfuza plektaĵo,
Li ŝtofon komunan kaj simplan eltiris,
Kaj kreskojn sencelajn, balastajn forŝiris,
Car homo rigardas multformon eksteran,
Dum celas genio esencon internan.

VII

Al kanto tutmonda li donis liberon,
Flugeman fleksеblon, logikan severon,
Kaj ĉarmo potenca de bela sonoro,
Ornamis la voĉon de l'nova trezoro.
Enblovis li vivon en ŝtofan kreiton,
Al Vorto li kreis memstaran spiriton.

VIII

Senbrue ĝi iris, sur voj'malfavora,
Konstante puŝata de bando fervora ;
Malgranda l'anaro, kun forta animo,
Por celo batalis kun brava maltimo,
Silentis la mondo, sed ĉiam semadis
Bandanoj senlacaj, kaj baroj krakadis.

IX

Jen frapis rideto, jen mokis skeptiko,
Aŭ neis klerulo per saĝa prediko,
Spritistoj publikaj, profetoj konataj,
Gin trafis per sagoj de vortoj kompataj.
Sed flugis l'ideo tra vasta la tero,
Car bandon vigligis venkanta sincero.

X

Tra tuta landaro la kanto nun sonas ;
Ekaŭdas la homoj, ĝin gentoj ekkonas.
Sur fundon kuŝiĝas profetoj eraraj,
Kaj vane baraktas imitoj barbaraj.
Per tasko senhalta, konvinke obstina,
Jam venos rapide triumfo la fina.

XI

En vasto ĉiela, ekbrilas la stelo
Ce kies heleco ni iras al celo.
Gi brilas pli forte post ĉiu paŝado,
Kaj baldaŭ radios per suna lumado.
La stela potenco malhelpojn forpelos,
La teron ĝi prenos, kaj murojn ŝancelos

XII

Por venkon certigi, ho, fratoj laboru !
Ni lastajn barilojn por ĉiam traboru.
Al tasko humila, sin ĉiu proponu,
Nenian armilon al laco fordonu,
Gis montojn erarajn faligos la vero,
Kaj revo la nia korpiĝos sur tero.

H. HODLER.

## HISTORIO DE ESPERANTO

Lc detalojn pri la antaŭpublika historio de Esperanto, tio estas de la naskiĝo de la ideo pri internacia lingvo ĉe D-ro Zamenhof ĝis la momento, kiam li, post longa laborado, publike eliris kun ĝi, oni trovos en la mirinda *Letero pri la deveno de Esperanto*, kiun posedi kai tralegi devas ĉiu vera Esperantisto. Per la jenaj linioj, ni celas nur tre mallonge raporti pri la ĝisnuna historio de Esperanto. La unua broŝuro de D-ro Zamenhof aperis en 1887, la rusa cenzuro permesis ĝian aperon la 21an de Julio 1887. En la momento kiam eliris la »Lingvo Internacia de D-ro Esperanto«, oni en la mondo parolis nur pri Volapük, kiu en la tiama tempo elvokadis grandan famon, sed post la jaro 1889, pro diversaj kaŭzoj, rapidege malsukcesis. Tuj de la naskiĝo de Esperanto, kelkaj Volapükistoj, frapitaj de la evidenta plibono de la lingvo, transiris al ĝi kaj sindone laboris por ĝia disvastiĝado, Inter ili, la plej fama estas S-ro Einstein, kiu konvertis la Volapükistan klubon en Nürnberg kaj publikigis studojn kaj lernolibrojn pri la demando. Einstein estas unu el la unuaj batalintoj por Esperanto kaj al li la Esperantistaro ĉiam havis grandan dankadon. Bedaŭrinde, Einstein baldaŭ mortis, kaj kun li ankaŭ pereis la movado, kiun li instigis en Germanujo. Tamen, en Rusujo, la lingvo senbrue disvastiĝis, havante kiel solan rekomendon sian mirindan simplecon kaj logikecon. La unua Adresaro enhavas ĉefe Rusajn nomojn; ni tamen rimarkas en ĝi Francojn, inter kiuj S-ro de Beaufront. La 1an de Septembro 1889 aperas la unua Esperante redaktita jurnalo, nome *La Esperantisto*, dank' al la subteno de Einstein. Intertempe adeptoj publikigis tre modestajn lernolibrojn; samtempe aperas la unuaj verkoj de nia Esperanta literaturo: *Hamleto*, de D-ro Zamenhof; *Iliado*, *Kaino* kaj la *Edziĝo de Figaro*, de A. Kofman; *Boris Godunov*, de Devjatnin, *Princino Mary*, de E. de Wahl; la *Liro de la Esperantistoj*, de A. Grabowski, k. t. p. Tiuj verkoj, nun klasikaj, vivigis la lingvon kaj ĝin riĉigis; ankaŭ aperis originalaj, versaj aŭ prozaj verkoj; ĉiuj Esperantistoj konas la belajn poeziojn, kiujn D-ro Zamenhof tiam verkis por vigligi la fervoron de siaj adeptoj. La propagando de Esperanto estis tre malfacila. *La Esperantisto* povis vivi nur dank' al la financa kunhelpo de Trompeter, al kiu oni ankaŭ ŝuldas la eldonon de la unua franca lernolibro (1892). Post la unuaj lernolibroj, la aŭtoro de la lingvo eldonis la « Duan Libron » sekvitan de « Aldono al la Dua Libro » en kiuj li klarigas siajn ideojn pri la estonta evoluado kaj disvolviĝado de la lingvo. En tiu tempo, la Amerika Filozofia Societo intencis organizi kongreson por esplori la demandon pri helplingvo. La dirita societo estis favora al Esperanto kaj D-ro Zamenhof anoncis, ke li fordonas la sorton de la lingvo al tiu kongreso; li konsilis, ke, se la Amerika kongreso ne okazos, la Esperantistoj mem fondu akademion aŭ ligon. La kongreso, pro nesufiĉeco de interesatoj pri la demando, ne okazis kaj, post la insistaj petoj de multaj Esperantistoj, D-ro Zamenhof informis, ke li proponas tian Ligon. La Ligo fondiĝis, sed, pro ne bona organizado, ĝi liveris nenian ŝatindan rezultaton pri la propagando kaj, kontraŭe, elvokis bedaŭrindajn interdisputojn, koncernante la demandojn pri reformoj. Post tia malfeliĉa provo, D-ro Zamenhof haltigis la aferon kaj la unua Ligo mortis apenaŭ post naskiĝo. Sed la disputoj pri reformoj ne ĉesis, ĉar, laŭ D-ro Zamenhof, la lingvo devis resti en provado dum kvin jaroj. Post tiu templimo, li decidis ekprovi fondon de Ligo sur alia fundamento. Tiu Ligo konsistis simple el la abonintoj al la centra gazeto « Esperantisto »; ĝia ĉefa celo estis la reformado de la lingvo kai ĝia propagandado Kelkaj fervoraj Esperantistoj tiam batalis kontraŭ la Ligo kaj ĝia reformemo, nome S-ro de Beaufront. Por fini tiajn disputojn, D-ro Zamenhof proponis, ke la Esperantistaro (t. e. la abonantoj de la gazeto) voĉdonu definitive pri tio. Per 157 voĉoj kontraŭ 107 (dividitaj en tri malsamaj partioj), ĝi decidis, ke « oni devas restigi senŝanĝe la ĝistiaman formon de la lingvo. » (novembro 1904). La disputado estis finita; nun oni povis pensi pri propagando kaj pozitiva laboro. En 1895, la rusa cenzuro malpermesis la eniron de « La Esperantisto » en Rusujon. La jurnalo do malaperis kaj kune kun ĝi la lastaj elementoj de la Ligo. La situacio estis malfacila; oni povis timi, ke la anareto Esperantista, sen centra organo, meze de ĉiaj malhelpoj, baldaŭ disiĝos kai la afero pereos. Feliĉe, la gazeto estis anstataŭita de *Lingvo Internacia*, eldonita de la Upsala klubo, kaj la afero restariĝis iom-post-iom. En 1896, Esperanto, ekdisvastiĝis, en Francujo kie jam de longe laboradis S-ro de Beaufront. S-roj G. Moch, H. Bel, R. Lemaire, kapitano Ch. Lemaire, Roux, k. t. p. estis la unuaj pioniroj en Francujo kai Belgujo.

Fine, en 1898, fondiĝas la *Societo por la propagando de Esperanto*, laŭ la iniciato de S-ro de Beaufront. Tio ne estis la unua propaganda societo, ĉar jam de 1894, ekzistis *Espero* en Peterburgo kaj izolaj grupetoj en Francujo, Svedujo kaj Belgujo, sed la Franca Societo instigis pli malfrue gravan kaj fortikan movadon, ne nur en Francujo, sed en alilingvaj landoj. En 1898, S-ro de Beaufront fondas la gazeton *L'Espérantiste* kaj publikigas lernolibrojn kaj utilajn propagandilojn. Iom-post-iom, tre malfacile, la helpoj alvenas. S-ro Ernest Naville, en 1899, prezentas Esparanton al la Franca Akademio de l' sciencoj moralaj kaj politikaj. Paroladoj okazas en kelkaj urboj, la gazetaro fariĝas iom pli favora ; fine en 1900 fondiĝas la Pariza grupo, kaj, dank' al S-ro Méray, tiu de Dijon. S-ro Méray altiris al nia afero diversajn scienculojn, inter aliaj S-ro C. Bourlet. De nun, la movado pligraviĝas; grupoj multiĝas en la francaj urboj. La librejo Hachette prenas sur sin la presadon de lernolibroj kaj verkoj Esperantaj. La movado etendiĝas en Kanado, Belgujo, Svisujo, Bulgarujo, Hispanujo, Bohemujo; novaj jurnaloj kreiĝas (*Lumo*, *Belga Sonorilo*, *Svisa Espero*, *Suno Hispana*, k. t. p.). La gazeto *Lingvo Internacia* translogiĝas en Parizo, kie S-ro Fruictier prenas ĝian gvidadon (1902). Unu jaron poste, kreiĝos la *Presa Esperantista Societo* en Parizo. Samatempe, Esperanto ekpenetras en Anglujon, kie ĝi baldaŭ almilitas la tutan landon ; en 1903 fondiĝas gazeto *British Esperantist*, kiu kunfandigas la ĝistiaman *The Esperantist*. Dank' al la penado de S-ro Borel, Esperanto reenradikiĝas en Germanujo (*Germana Esperantito*). Preskaŭ ĉiuj landoj unu post la alia estas atakitaj de la Esperantista fluo, kaj la faktoj estas tro proksimaj al ni por ne ni povu raporti detale pri ili. Ni nur citu en 1904 la unuan iom grandan kunvenon en Dover-Calais, kie oni principe decidis la Bulonjan kongreson, la reviviĝon de Esperanto en Rusujo kaj Skandinavio, la stariĝon de nia lingvo en Hispanujo, Japanujo, Ameriko, kaj Alĝerujo, fine la kongreson Bulonjan, kie estis akceptita la *Fundamento de Esperanto*, kiu proklamis la netuŝeblecon de nia lingvo, kaj estis elektita la *Lingva komitato*, post diversaj antaŭaj proponoj kaj pridisputoj en nia gazetoro. La Geneva kongreso kaj la de tiam okazintaj faktoj jam ne apartenas al la historio kaj estas en la memoro de ĉiuj Esperantistoj. Jen estas maldetale kaj seke resumitaj la ĉefaj okazintaĵoj de la historio de Esperantismo.

A. R.

## GRAVAJ VORTOJ

El unu el la plej malnovaj verkoj de nia literaturo, nome el la « Aldono de la Dua Libro », de D-ro Zamenhof, ni eltiras la, jenajn liniojn, pri kies atentindeco ni ne bezonas insisti, eĉ en la nuna tempo, ĉar nur obeante tiujn principojn nia lingvo povos regule disvolviĝi kaj evolui.

Nur viva konkursa laboro, ĉe kia ĉio pli bona iom post iom elpuŝas la malpli bonan, — povas doni efektive bonan kaj vivipovantan lingvon internacian.

Multaj kredeble timos, ke danke tiun vastan liberecon la lingvo internacia baldaŭ disfalos en multaj malsamaj lingvoj. Sed kiu konas iom la historion de la lingvoj, tiu komprenos, ke tiu timo estas tute senfonda, ĉar ni ĉiuj laboros sur unu fundamento, kaj tiu fundamento, enhavante la tutan gramatikon kaj pli grandan parton de l' vortoj, kiuj en la parolado estas renkontataj la plej ofte, havos en la lingvo internacia tian saman signifon, kiun en ĉiu lingvo havis tiu lingva materialo, kiu estis en ĝi en la komenco de regula skriba literaturo : estis preta gramatiko, estis granda kolekto da vortoj, sed multaj vortoj ankoraŭ malestis. Tiuj ĉi vortoj estis kreataj unu post unu, laŭ la kreskanta bezono, kaj malgraŭ ke ili estis kreataj dise de malsamaj personoj, sen ia kondukanto aŭ leĝdonanto, la lingvo ne sole ne disdividiĝis, sed kontraŭe, ĝi ĉiam pli unuformiĝis, la dialektoj kaj provincialismoj iom post iom perdiĝis autaŭ la fortiĝanta komuna literatura lingvo. Oni devas memori, ke ĉiu lingvo servas por esprimi niajn pensojn, sed ne por senpense traduki el aliaj lingvoj ; oni devas tial peni esprimadi siajn pensojn per la jam estantaj vortoj kaj kreadi novajn vortojn nur tie, kie ili estas efektive necesaj, — kaj tiam la vortoj nove kreataj estos nur malofte disjetitaj inter la multo da vortoj jam konataj kej povos facile aliĝi al la lingvo kaj riĉigi ĝin ne perdigante ĝian unuformecon.

Tiel, danke la unu gramatikon kaj la unu formon de la plej granda parto de l' vortoj la lingvo internacia havos jam de l' komenco unu formon ĉe ĉiuj uzantaj ĝin. Nur tiuj vortoj, kiuj en la fundamenta vortaro ne estas trovataj, en la unua tempo estos malegale kreataj de malsamaj aŭtoroj. Sed ĉar unue tiaj vortoj estos renkontataj nur disjetite inter la multo da vortoj jam konstantaj kaj due la nombro de tiaj malegale sonantaj vortoj ankoraŭ pli malgrandiĝos danke la komunan fonton, el kiu la aŭtoroj prenados la novajn vortojn (la plej gravaj eŭropaj lingvoj), — tial tiuj »novaj« vortoj prezentos nenion alian ol provincialismojn de la unu lingvo internacia. Tiaj provincialismoj estis en granda nombro en ĉia alia lingvo, kaj kun la vastiĝado de la skribata literaturo ili komencis perdiĝi. Tio sama estos ankaŭ en la lingvo internacia, sed ĉar la lingvo internacia pli dependas de la volo de l' homoj, ol de aliaj kondiĉoj, — tiu proceso de unuformiĝado iros en ĝi multe pli rapide. La vortoj kreitaj malfeliĉe baldaŭ perdiĝos, kaj la vortoj feliĉe kreitaj restos kaj eniros en la lingvon; la vortoj egale feliĉe kreitaj, sed malegale sonantaj — kelkan tempon batalos inter si kiel sinonimoj, sed jam post mallonga tempo ni vidos, ke unu el tiuj formoj estas uzata pli ofte kaj de pli granda parto de verkantoj, ol ĉiuj aliaj formoj — kaj baldaŭ la unua formo elpuŝos ĉiujn ceterajn formojn, kiuj post kelka tempo simple mortos de neuzado. Tiel ju pli energie vastiĝos kaj riĉiĝos la literaturo de la lingvo internacia, des pli baldaŭ ni havos unuforman pli malpli plenan vortaron.

D ro L. L. ZAMENHOF.

## Pri la Jubileo de Esperanto

**El letero de Dro L. L. Zamenhof.**

... « .. Permesu al mi doni al viaj legantoj malgrandan klarigon. La ideo de S-ro Tabenski festi 20jaran jubileon ŝajnas al mi tre bona, sed la *dato*, kiun li elektis, ŝajnas al mi ne ĝusta, Tamen, kiam aperis la propono de S-ro Tabenski, estis jam tro malfrue, por esplori kaj fiksi la ĝustan daton ; tial por la *nuna* jaro, ni devis akcepti la daton proponitan, — sed por la estontaj jaroj la dato devos esti alia, pli ĝusta.

D-ro L. L. ZAMENHOF.

***

Ni esperas, ke post la letero de nia majstro, la demando estos priparolata en la kongreso kaj ia oportuna tago fiksita. Laŭ nia opinio, estus pli bone elekti vintran tagon, en la momento kiam nia fero estas en plena movado kaj multaj personoj povos tiam esti invitataj kaj interesataj al nia lingvo.

(Red.)